

# INTERNACIA PEDAGOG

# REVUO

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA AS
DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ T.

## ENHAVO



12-a JARO / NUMERO 2 / MARTO-MAJO

## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

Angla: Fino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Bournville, Birmingham.

Alĝeria: Jean Delor, E. P. S. Rampe Valée, Alger.

Aŭstra: Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; Konto P.S.: B 134611

Aŭstralia: H. M. Lanyon, Harrow St., Box Hill E 11, Melbourne (Victoria).

Belga: H. Rainson, Hombeekschesteenweg 54, Mechelen.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: A. Valoušek, učitel, Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169.

Estona: Esperanta sekcio ĉe Tall. Instruista societo, Tallinn, Kollane, 30 A-2.

Finlanda: Elmi Tamminen, Sitavuorenranta 4 A, Helsinki.

Franca: F. Vérot, rue des Villas, St.-Etienne (Loire).

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857, aŭ poŝtĉekkonto Dresden 263.79, Kurt Hofmann, Riesa.

En landoj:

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1º. 4, a, Barcelona.

Hungara: Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7. Budapest, IX.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Jugoslava: Stanko Prvanović, Halovo p. Zaječar.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1.

Litova: Mok. A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: B. Gluchowski, św. Wincentego 80, Warszawa 24; poŝtĉekkonto: 16.992.

Sveda: Torsten Torbjär, Mariagatan 15 a, Göteborg. poŝtĝirokonto 431 48

Svisa: S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo.

Urugvaja: Pedro Casas, San José 1123, Montevideo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

## Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol., Duonjara provabono 1/2 dol., Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj komprenehle akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“, Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57.

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63. poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: Provizore D-ro FRITZ KRANER, Neidenburger Str. 1, Dresden-W. H.
Adm.: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.

12-a JARO / NUMERO 2 / MARTO-MAJO 1933


## Sciiĝo al nia legantaro.

Pro malfortigita sanstato nia ĝisnuna redaktoro D-ro Riedel urĝe bezonas malŝarĝon de ĉiu neofica laboro. Kaŭze de tio li petis pri provizora liberiĝo de la redaktado de IPR. La estraro de la gazeto, je sia granda bedaŭro, devis plenumi lian deziron. Ĝi transigis, ĝis la resaniĝo de D-ro Riedel, la redaktadon al la subskribinto. La legantaro certe kunigos siajn plej bonajn dezirojn por baldaŭa plena resaniĝo de D-ro Riedel kun tiuj de la estraro kaj koregе dankos al li pro lia tiom sindona, oferema kaj sukcesplena laboro por IPR. La subskribinto transprenas la provizoran redaktadon, certigante, ke li sincere klopodos, fari sian eblon, por restigi al la gazeto ĝian ĝisnunan altan rangon. La legantaron li petas pri komplezа subteno kaj diligenta kunlaboro.

D-ro Kraner.

## Nacia renoviĝo en Germanlando.

En Germanujo okazis revolucio. Nia legantaro certe atendas de ni kelkajn informajn vortojn pri ĝi, ĝiaj kaŭzoj, irado kaj celoj.

Pro tio ni kredas, ke la sekvantaj linioj, elmontrantaj la personan opinion de unu el niaj malnovaj kunlaborantoj, estos bonvenigataj.

La kaŭzoj de la revolucio estis precipe naciaj, ekonomiaj kaj, por tiel diri, „junularaj".

De post la fino de la mondmilito la germana popolo ĝemas sub la premo de perforta internacia politiko. Ĉio, el kio konsistas la viveblеco, honoro kaj fiero de granda popolo, al ĝi estas forprenita aŭ netolereble difektita: defendpovo, decido pri internaciaj kontraktoj, rajto havi koloniojn, samrajteco ĉe la internaciaj interkonsiliĝoj, honesta nomo inter la popoloj. Ke niaj pasintaj registaroj ne malhelpis aŭ ne forigis ĉi tiun perforton, oni konsideris kiel ilian ĉefan kulpon.

Ilian duan oni trovis en ilia nekapableco, venki la teruran ekonomian mizeron devenintan parte de la monstraj postmilitaj reparacioj, parte de la ekonomia mondkrizo. La havaĵo de milionoj ne nur da iamaj riĉuloj kaj plimalpli bonhavuloj, sed ankaŭ da malriĉaj ŝparemuloj fariĝis rabo de la inflacio kaj forfluis eksterlanden. Nenie alilande la senlaboreco atingis eĉ proksimume tian senesperigan gradon kian en Germanujo. Milionoj da plurkapaj familioj devas jam de jaroj penege sin nutri per la malabunda subteno de la ŝtato. La

nombro de la almozuloj migrantaj de pordo al pordo estas, kompare al la antaŭa, neaŭdite granda. La junularo ne scias, kiun profesion ĝi lernu, ĉar ĉiuj profesioj vidigas la saman malesperigan perspektivon.

Ĉi tiu lasta cirkonstanco grandparte ankaŭ komprenigas la eksterordinaran porcion, laŭ kiu la junularo partoprenas la revolucion. Krom tio aliaj „junularaj" kaŭzoj kunefikis. La iamaj formoj de la junulara movado estas malmoderniĝintaj. Jam longe nia junularo serĉis aliajn formojn de sia propra vivado ol nura ludado, dancado, migrado, sporto. La politiko sin prezentis, kaj oni sin turnis al ĝi kun la tuta arda entuziasmo de la neeluzita juneca animo. Komence oni grandparte serĉis kontentigon de tia fervoro ĉe la maldekstre radikalaj partioj. Sed ju pli longe des pli forte iliaj tro malproksimen montrantaj politikaj idealoj kaj nacie senfruktaj ekonomiaj faroj seniluziigis la junularon. Pro tio ne estis mirige, ke, kiam la nova nacia gvidanto Adolf Hitler aŭdigis pli kaj pli forte sian voĉon kaj flirtigis ĉie la simbolon de sia nova prediko, la amasoj ankaŭ — kaj eĉ antaŭ ĉio — de la junularo ĵuris al liaj standardoj kun la hokbranĉa kruco.

Ĉi tiu signo krome estas ankaŭ la simbolo por duobla kredo: Unue: la politika liberiĝo kaj restarigo de la ekonomia bonstato de nia popolo estas — oni kredas — eblaj nur sub la kondiĉo, ke nia popolo forigas la superregan influon de la fremdrasuloj inter ni. Due: la savo estas neebla sen renoviĝo de la germana-kristana spirito. Kompreni la forton de ĉi tiuj ambaŭ konvinkoj, vere povas nur tiuj, kiuj sufiĉe konas la alilande ne ekzistan potencon de la semitismo efikinta ĉe ni sur ĉiuj kampoj de la publika vivo, kaj kiuj travivis la senbridan propagandon de la kontraŭreligiaj bolŝevistaj unuiĝoj kaj partioj ĉe ni.

La irado de la revolucio estis eksterordinara en pli ol unu rilato. Antaŭ ĉio: Ĝi estis anoncata jam antaŭ pli ol dek jaroj. Jam kiam li posedis nur plenmanon da partianoj, Hitler deklaris ĉie kaj al ĉiuj, ke li radikale transformos la regnan konstitucion kaj atingos tion tute legitime per nura malkaŝa propagando kaj publika voĉdono. Ke li fakte tiuvoje atingis sian celon, kunigante je sia nomo ĉe la lasta tute libera decidiga elekto pli ol duonon de ĉiuj voĉoj kaj en la unua kunsido de la nova „Reichstag" eĉ preskaŭ tri kvaronojn de ĉiuj, tio estas la dua eksterordinara cirkonstanco. La tria kuŝas en tio, ke la revolucio okazis sen iu ajn sangverŝo, faktaj teruraĵoj kaj kruelaĵoj. La kontraŭaj asertoj, kiujn oni propagandis en eksterlando, estis fabelaj rakontoj destinitaj, malbonfamigi niajn popolon kaj nacian registaron kaj dissemi malkonfidon kaj malamon kontraŭ ni inter la nacioj.

La celoj de la germana revolucio senpere sekvas el la ĉi-supre dirita. Necesas nur aldoni, ke ĝi ne direktas sin kontraŭ iu ajn nacie bonvola inter ni (sub la hokbranĉa kruco kolektiĝas anoj de ĉiuj popolklasoj, rangoj, profesioj, kulturŝtupoj ktp.), nek kontraŭ iu fremda popolo preta respekti niajn vivonecesaĵojn kaj sincere volonta havi pacon kun ni. (Regna kanceliero Hitler deklaris la 11-an de marto 1933 [vidu „Völkischer Beobachter" n-ro 71/72]: „Interkompreniĝo — ni volas ĝin, kaj neniu ĝin povos pli forte sopiregi ol iu, kiu dum 4½ jaroj la terurajn malbonojn de la milito vidis per propraj okuloj kaj mem ilin travivis. Sed ĉar mi volas interkompreniĝon, mi volas remeti mian popolon en staton, ke estos utile por aliaj, interkompreniĝi kun ĝi".) Ke la revolucio rezultigos profunde tranĉajn ŝanĝojn en niaj eduk- kaj instruaferoj, estas memkompreneble. Ni raportos pri tio plej baldaŭ.

## Gustav Britsch, Teorio de bildece formanta arto.

Emil Lohse, docento ĉe la Pedagogia
Instituto de la Teknika Altlernejo Dresden.

Kiu kreis la teorion, Gustav Britsch, jam ne plu estas vivanta. La verko devenas el la rondo de liaj amikoj kaj disĉiploj. La eldonanto provis trovi provizoran finon, kiun la majstro mem opiniis ankoraŭ neebla, kaj gardi pieca per ĉia diligenteco kaj sentebla klopodado la spiritan rajton de la aŭtoro.

Per tio eble klariĝas, ke la lingvo de la verko estas nek belflua nek facile komprenebla. Ĉi tie la arto staras en lumo malvarma, kaj kelka leganto devas sperti, ke estis „ekster-arta“, eble eĉ malarta tio, kio entuziasmigis lin. Multaj neas la eblecon, ke oni povas apartigi la formantan proceon — por la esplorado — de la enhavo; ili opinias ke per tio oni dispeciĝas la unuecon de artoverko. La libro traktas nocie pri la senpere intuebla. Tio estas grava afero, ĉar unuopaj nocioj estas multsencaj, kaj estas necese, trovi nepran akordiĝon per realaj ekzemploj. Oni ekiras tiun vojon.

En tiu artikolo mi pritraktu unue nur la ĉefverkon. Britsch ne konsideras la artoverkon kiel tutaĵon, sed li esploras la karakterizan spiritan agadon, al kiu artoverko dankas sian ekziston kiel verko de bildeca arto. Li vidas tiun faron en senpera, spirita prilaborado de travivaĵoj de l' vidsento.

Ne estas facile por ni tro nocie klerigitaj, imagi krom pernocia pensado ankoraŭ „pensadon per interligoj de vidimagaĵoj“ — tiun senperan prilaboradon de l' vidsento. La rezulto estas artoverko kiel intua-logika unuo, kiel spirita prilaboritaĵo, ne nur kiel ripetitaĵo de vidsentaj travivaĵoj. La estiĝo de artoverko do esence ne dependas de eksteraj motivoj (ekz. de vido al bela pejzaĝo, aŭ de fantaziaj bildideoj, ekz. en la senco de Böklin), sed de penskondiĉoj, kiuj por la vidsento subiĝas tiajn motivojn al plia priĵuĝado.

Tiuj penskondiĉoj montras laŭŝtupan evoluon, oni povas paroli pri penskondiĉoj sur „ŝtupoj“ fruaj kaj malfruaj. Plej bone estas superrigardeblaj la fruaj formoj. Do la verko unue ekzamenas la demandon, kiel e v o l u a s l a a g a d o d e i n f a n a s p i r i t o rilate al pensado per vidimagoj. Ĉar la teorio pretendas la rangon de e k k o n a t e o r i o, ĝi devas defendi tiun pozicion per senkondiĉa valideco de siaj ekkonoj. Tio signifas tiukaze, ke la penskondiĉoj de fruaj ŝtupoj devas esti konstateblaj en ĉiaj fruaj bildformitaĵoj, ne nur en infanaj.

Kiu multe cerbumis zorgante kaj dubante pro infandesegnaĵoj kaj fine rezignis konkludante, ke neniam povos fariĝi io taŭga el tia nenatureco, kaj ke la sola savo por la juna desegnanto sin prezentas en plenplena kaj severa sekvo al videbla naturo, tiu trovas en tiu verko la kontentigon, ke estis ĝusta ja ne lia fina ekkono, sed lia sento, kiu igis lin dubi. Ekkonante la penskondiĉojn, laŭ kiuj kreiĝas desegnaĵo aŭ formaĵo, ni kontentigas la pravajn postulojn de infano kaj de juna bildanto primitiva. Samtempe foriĝas la mallojala konkurenco de la „naturvereco“.

La unua kaj fundamenta penskondiĉo laŭ la teorio estas la priĵuĝo: „Jen, celata kolormakulo konture distingiĝanta de necelata ĉirkaŭaĵo." Per tio estas prezentitaj la elementoj de ĉia plua bildeca formado, de ĉia pensado per interligoj de vidimagoj, de ĉia arta „priĵuĝado": La „k o l o r m a k u l o" — tio estas ĉio ĉi-tio, kio distingiĝas: linio, rekta aŭ kurba aŭ cirkla, aŭ efektiva kolormakulo, aŭ ankaŭ argilobulo. Plue interesas la „ĉ i r k a ŭ a ĵ o" — kvankam „necelata", tamen nepre necesa. Fine, ĉar temas pri interligoj, estas grava la ĉarmoplena kaj multsignifa r e c i p r o k a i n f l u o i n t e r o b j e k t o k a j ĉ i r k a ŭ a ĵ o. La streko povas fariĝi multzigzaga fulmo kaj la ĉirkaŭaĵo nuboplena ĉielo, la streko iu arabesko kaj la ĉirkaŭaĵo plene traformita tapeto, la cirkloformo iu fiŝo kaj la ĉirkaŭaĵo aro da fiŝoj, de kiuj distingiĝas nur tiu unu kiel „celata" (eble ĝi mem plue nur necelata ĉirkaŭaĵo de sia propra okulo). Ĉio ĉi-tio estas nur diferencigo, plua priĵuĝado de la fundamenta ekkono. Oni volonte opinias, ke tia ekkono ekestu senpere, sen io plia, nur per iu konforma vidimpreso, ekz. kiam streko sur papera ĉirkaŭaĵo estas prezentata kiel modelo al infano. Ne, tiel ne estas. Tiu ekkono devas esti produktata, realigata kiel propra spirita agado. Sur tiu komenca ŝtupo laŭkvalite ĝi estas ne malpli signifanta ol iu koresponda formo diferencigita sur la altevoluinta ŝtupo de la plej kulturita impresionismo.

De tiu antaŭ-ŝtupo „celata kolormakulo" evoluas ĉiu plua pens-ago. Unue la priĵuĝo de la „direkto". Hazardaj movoj de la desegnanta mano produktas strekojn, kiuj aspektas, kvazaŭ ili estas „celataj" en la senco de difinita direkto. Ĉu ili estas vere „direktataj", spirite direktataj, aŭ ĉu ili ricevis iun ajn direkton nur per la fiziologia konstruo de la mano, tio povas esti pruvata nur, kiam d i r e k t o e s t a s d i f e r e n c i g a t a. Tiu priĵuĝo „diferencigo de direkto" okazas unue en maniero unusenca per la rilato horizontalo al vertikalo. Do ĉe arbo la branĉoj troviĝas vertikalaj al la trunko, folioj kaj fruktoj vertikalaj al branĉo, la brakoj vertikalaj al trunko. Tio signifas en la praktiko, ke la infano (aŭ la homo primitiva rilate al bildado) ne kopias la naturon, sed ke la travivaĵo de l' vidsento, aŭ la memoro pri ĝi, kune kun travivaĵoj de movoj, de palpado ktp., liveras nur la „konstrumateriojn" (trunko, branĉoj, branĉetoj, folioj, fruktoj ktp.), per kiuj nun eklaboras spirita konstruado. La „konstruaĵo" laŭ formo kaj kvalito povas esti komprenata nur el la respektiva spirita situacio de la formanto, ne el la naturobjekto, je kiu ĝi rememorigas la priĵuĝanton. La desegnaĵo ne estas intencita kopiaĵo, sed simbolo, bildiga pensoago pri la temo „trunko al branĉo al folio". Tiel, kiel plisubtiliĝas la direktoj (konkrete: kiel branĉoj kaj branĉetoj kaj folioj kaj fruktoj estas direktitaj unu al la alia en pli kaj pli subtilaj anguloj), evoluas el „diferencigo de direkto" la ebleco, priĵuĝi laŭ „varieblo de direkto". Nur nun konkrete per desegno povas esti esprimataj „starado" kaj „kurado". Estiĝas la movo, cetere ankaŭ la ebleco „karakterizi", ekz. katon kaj hundon, eĉ hundon kaj vulpon.

Arta kvalito estas mezurebla laŭ la u n u e c o, per kiu la varieblo de la unuopaj kolormakuloj interne de la tuta celata kolormakulo (ĉi-tie „arbo") estiĝis „Interligo de direkto", do kvazaŭ subiĝis al unueca ideo de direkto. Per tio la nocio „d i f e r e n c i g o" estas aplikata al la bildformado. („La tuto de ĉiuj diferencoj ne estas sumigo de distingoj, sed diferencigo interne de pli supra unuo.") Nepre estu notite, ke per tio povas absolute atingiĝi „na-

turvereco". La mense malforta homo ne povas kunteni la tutan kolormakulon, ĝi disfalas en unuopajn kolormakulojn.

En aparta ĉapitro estas pritraktata la evoluo de la kompleksa interligo. Ĝis nun io celata (ekz. arbo) staris kontraŭ hazarda necelata ĉirkaŭaĵo. Sur nova ŝtupo la prijuĝado penskuniĝas celatan unuopan ion (ekz. bukedon) kun la ĉirkaŭaĵo (ekz. tabloplato) tiel, ke la ĉirkaŭaĵo estiĝas „sam-ranga" al la objekto. Teoria ekzemplo: La bukedo (A) staras en la mezo de la tabloplato (U). Estas farata bildiga-logika rilato inter A kaj U. Tia rilato povas esti „plie prijuĝata", kaj ĝia kvalito dependas de tio, kiamezure la plia prijuĝo pri A korespondas al tiu pri U. Ne estas necese, ke tiu U ĉiam estu „e t e n d i t a" laŭ longo kaj larĝo (tabloplato, desegnofolio, vando de ujo ktp.), sed ĝi povas esti „d i r e k t i t a", ekz. la streko, sur kiu staras la objektoj de vicobildo. Kaj interne de kompleksa kolormakulo (ekz. de besto) kaj en la kompleksa interligo de A-oj kaj U-oj estas ebla la plia prijuĝo „neinterrompata transiro de A al U". Konkrete: Kiel sur greka vazodesegno la ripo de hundo eliĝas U—o de ventrovando kaj ree submergiĝas en ĝi, kiel sur ĉina inkdesegno la montoj ktp. pli kaj pli malklariĝas en la direkto al la malsupro.

Tiuj ĝis nun cititaj pensebloj reprezentas laŭ la teorio de Britsch la amplekson de formado (bildigo) en la arkaja arto, la frua arto de ĉiuj tempoj. Speciale negativa karakterizaĵo de tiu arto estas, ke ĝiaj apartaj kolormakuloj estas ankoraŭ „n e ŝ a n ĝ e b l a j l a ŭ e t e n d o", t. e. ke ili ne „ŝvelas" kaj ne „plimalongiĝas" (ne en spaca, sed en plastika senco).

En la ĉapitro „ekzemploj pri la fruaj ŝtupoj" la teorio klopodas, pruvi la ĝeneralan aplikeblon de siaj prijuĝoj. Ĉi-tie la primitiva bildformado finfine estas liberigata de maljustaj postuloj: naturvereco, spaca perspektivo, ekspresionisma (esprima) gesto. Nun estiĝas pozitiva faro tio, kio ĝis nun ofte estis kaŭzo de ridado: kvazaŭ horizontale kreskintaj arboj kaj kuŝantaj bariloj, vizaĝoj kun du nazoj, la „egipta" okulo, la arkaja rideto.

Ne nur naturaĵoj, sed ankaŭ bezonaĵoj povas esti prijuĝataj laŭ artaj penseblecoj (kategorioj de la arta pensado). En tiu lasta kazo vere ne estiĝas (krom la objekto) bildo, kiu prijuĝas la objekton, sed la prijuĝo estiĝas per la objekto mem (domo, teksaĵo, plafono). La diskuto pri tio pritraktas la fundamentajn demandojn de la ornamo. Bedaŭrinde ne estas eble, ilin kompreni sen konkreta bildmaterialo. Oni do devas studi la verkon mem kun ĝiaj bonegaj ilustraĵoj.

La samon oni devas konstati rilate al la malfacila kaj plej klariga ĉapitro pri plia, pli alta penskondiĉo: „l a ŝ a n ĝ e b l o d e l a e t e n d o", la „ŝvelado" kaj „plimallongiĝado" de la kolormakuloj. Ĝia kondiĉo estas sufiĉe evoluinta ŝanĝeblo de la direkto. Ankaŭ ĉi-tie la teorio konvinke pruvas, ke geometriaj helpiloj (vitra tavolo, krado, mezurado, alcelado ktp.) neniel interrilatas kun arta pensago, kaj detruas ĉiun unuecon, malebligas ĉiun vivoplenan strekon. Tio rilatas laŭ la teorio ne nur al la korpo, ekz. la kapo, sed ankaŭ al la spaco, la pejzaĝo, la internejo.

La koloro reprezentas plian ampleksan eblecon de prijuĝo. Kiel ĉe la penskondiĉo „direkto" ankaŭ ĉi-tie oni povas paroli unue pri „d i f e r e n c i g o d e k o l o r o", t. e. kunordigo de la fundamentaj (plej puraj) koloroj. Ankaŭ ĉi-tie ne okazas hazarda apliko, sed „opiniado", ankaŭ ĉi-tie estiĝas arta simbolo, ne kopio de la naturo, ankaŭ ĉi-tie ni trovas evoluon de diferencigo al ŝanĝeblo kaj iom post iom al kolorkunligo, al kolora tuto, en kiu

unuopaj kolormakuloj povas esti nur diferencigo de unueca kolorideo, en kiu enestas la eblo, pli diferencigi per neinterrompita transiro de A-koloro al U-koloro. La U-signifo klariĝas precipe per la rolo de aŭro kaj nigro en fruaj bildoj.

Arta postulo rilate al la interligo de A kaj U estas — kiel ĉe la penseblo „direkto" — la samtempa plia priju̇ĝo de A-koloro kaj U-koloro. Per tio precize estas diferencigate inter imagitaj koloroj kaj koloroj prikalkulitaj sur optika-fizika bazo. (Ostwald laŭ tiu teorio ne faris bonan servon al la arto.)

La teorio akcentegas, ke laŭnatura kopio ĉiam signifas nur ripeton de eblo por vidsentaj travivaĵoj, ne spiritan agon, ne prijuĝon de tia kaŭzo.

Ĝis tie la teorio montris ĉiujn formo-artajn penskondiĉojn. Frukto de tiuj ekkonoj estas ilia apliko al kritika komparado. La teorio forigas la validecon de la ĝisnuna divido de la arto. Ĝi trovis mezurilon por la kvalito. Oni povas nun diferencigi inter arto kaj malarto. En aparta ĉapitro konvinke estas elmontrita la (tiom malfacile ekkonebla) limo inter „originalo kaj imito". Do la esenca celo de la teorio aperas kiel absoluta artoscienco. Mi ne scias, kiugrade la artoscienco disfalinta en tiom da specialaj sciencoj, koniĝis pri tiu dumviva laboro de arda koro kaj klara kapo.

Ne kontraŭ sia volo la teorio trovis fortan resonon en la rondoj de la praktikaj artopedagogoj. Precipe al instruistoj ĉe popolskolo ĝi donas la eblon, pozitive kompreni la plej fruajn artajn ŝtupojn tiom malfacile kompreneblajn kaj ofte misklarigitajn. Malgrava estas la demando, ĉu infandesegnaĵo estas artaĵo. La verko instrue demandas, kie troviĝas la plej malsupra limo de la arto, ĉu eble ekzistas „antaŭarto"? Por la desegnoinstruistoj de ĉiuj skolspecoj estas decidiga la demando, kiel enordiĝas la naturobjekto en la tuto de la artopedagogio (kaj dum propra agado kaj dum travivado je artoverko). Pri studado de la naturo la teorio diras, ke ĝi klopodu ne pri kopio, sed pri spirita prilaborado de l' vidsenta travivaĵo. Estas prave, ke oni avertas kontraŭ „desegnometodo Britsch", ĉar tiu danĝero laŭ mia opinio estas granda. Estas tute malĝuste konstrui metodon de la desegnoinstruado baze de artoteorio, precipe ĉar ĉi-tiu pritraktas teorie-konscie nur parton de la arto — la formprincipon. Sed la teorio esperas, ke celkonscia laborado en la artoinstruo de l' popolskolo donu kiel frukton: novan formon de popolarto, esprimon de konforma penskuniĝo de homoj el unu spirita rondo.

Bibliografio:

Gustav Britsch, Theorie der bildenden Kunst (Teorio de la bildece formanta arto). Eldonis Egon Kornmann. 2-a eldono, München 1930.

Egon Kornmann, Urkunden deutscher Volkskunst (Dokumentoj de germana popolarto). Eld. B. Filser, Augsburg.
Kajero I: Nadelarbeiten (Virina manlaboro).
Kajero II: Anfänge neuer Jugendkunst (Komencoj de nova junulara arto).

Egon Kornmann, Über den künstlerischen Bildungswert des Zeichnens in der Schule (Pri la arta pedaĝiga valoro de la desegnado en la lernejo). Eldonis Gustav-Britsch-Institut für Kunstwissenschaft, Starnberg 1931.

Egon Kornmann, Die Theorie von Gustav Britsch als Grundlage der Kunsterziehung (La teorio de Gustav Britsch kiel bazo de la arta pedaĵo). Volumo 3 de la kolekto: Vom Willen deutscher Kunsterziehung (Pri la volo de germana arta pedaĵo). Eld. L. Schwann, Düsseldorf 1931. Ĉiuj verkoj aperintaj ĝis nun en tiu kolekto pli malpli jesas la teorion.

Georg Meiß, Sinn und Wert der Kinderkunst. Ein Führer für Lehrer und Eltern nach der Kunsttheorie von Britsch. (Senco kaj valoro de infanarto. Gvidilo por instruistoj kaj gepatroj laŭ la artoteorio de Britsch.) Eld. Fr. Goerlich, Breslau 1931.

---

# Provo de Esperanta terminaro pedagogia kaj psikologia.

**De Paul Bennemann, Leipzig.**

(Daŭrigo; komp. IPR 1930, paĝoj 146/149 kaj 1932, paĝoj 6/9.)

## Juĝo.

Juĝo estas — laŭ vidpunkto de la logiko — la fundamenta funkcio de l' pensado. Laŭ la klasika psikologio ĝi estas la interrilatigo de du imagaĵoj aŭ nocioj, ekz.: La arbo . . . estas alta. Laŭ Wundt kontraŭe la juĝo estas disigo de penso en siajn noociojn (en la psiko estas unue la penso „alta arbo“ kiel tutaĵo kaj estas poste dismetata).

Ĉiu juĝo konsistas el la subjekto (determinato) kaj la predikato (la determinanto).

A n a l i z a j u ĝ o (Erläuterungsurteil) estas (laŭ Kant) tia, kies predikato jam estas kaŝite entenata en la subjekto, ekz.: Ĉiuj linioj havas longon. S i n t e z a j u ĝ o (Erweiterungsurteil) alportas al la subjekto predikaton, kiu ne estas entenata en ĝi, ekz.: Triangulo estas la duono de paralelogramo kun samaj bazo kaj alto.

La logiko distingas ordinare k v a r s p e c o j n d e j u ĝ o j:

1. Laŭ la kvalito:
   a) Jesaj (afirmativaj) juĝoj, ekz.: Germanujo estas respubliko.
   b) Neaj (negativaj) juĝoj, ekz.: La baleno ne estas fiŝo.
   c) Nedeterminaj juĝoj, ekz.: Tiu homo estas nejuna.
2. Laŭ la amplekso (de la objektaro, kiun esprimas la subjekto):
   a) Individuaj juĝoj, ekz.: Tiu ĉi homo estas blinda.
   b) Apartaj juĝoj, ekz.: Iuj fungoj estas venenaj.
   c) Universalaj juĝoj, ekz.: Ĉiuj homoj estas mortontaj.
3. Laŭ la rilato (inter subjekto kaj predikato de la juĝo):
   a) Kategoraj juĝoj, ekz.: La tero estas globo.
   b) Hipotezaj juĝoj, ekz.: Se kaŭĉuko estas frotata, ĝi produktas elektron.
   c) Disjunkt(iv)aj juĝoj, ekz.: Kvarangulo estas aŭ paralelogramo aŭ trapezo aŭ trapezoido.
4. Laŭ la certeco (kiun la juĝo pretendas por sia eldiro):
   a) Problemaj juĝoj, ekz.: Romio povis perei.
   b) Asertaj juĝoj, ekz.: Romio pereis.
   c) Apodiktaj juĝoj, ekz.: Romio devis perei.

El tiuj formoj de l' juĝoj Kant devenigis siajn „kategoriojn“, t. e. la fundamentaj nocioj de la homa ekkonkapablo, kiuj ne estas akiritaj per la sperto, sed estas aprioraj.

Germ.: Urteil Angle: judgment France: jugement Esp.: juĝo.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

juĝi: Formi aŭ eldiri juĝon.
juĝkapablo (Urteilskraft): Kapablo juĝi.
antaŭjuĝo: Tro rapide formita kaj tial malĝuste influita juĝo.

## Konkludo, inferenco.

Konklud(ad)o estas la devenigo de juĝo el unu aŭ pluraj aliaj. Normale oni uzas por tiu procedo du propozicioјn, nomitajn premisoj (unua aŭ supra kaj dua aŭ malsupra premiso), el kiuj estas tirata la konkludaĵo. Logike-science aranĝita rezono el premisoj kun konkludaĵo estas nomata inferenco.

Pera inferenco (mittelbarer Schluss) havas minimume du premisojn. De ĝi ekzistas tri specoj:

a) La dedukta inferenco (aŭ la silogismo), kiu konkludas de ĝeneralo al specialo, ekz.:

La fiŝoj havas malvarman sangon
La ezoko estas fiŝo
---
La ezoko havas malvarman sangon

b) La indukta inferenco, kiu konkludas de specialo al ĝeneralo, ekz.:

3 pomoj plus 5 pomoj estas 8 pomoj
3 litoj plus 5 litoj estas 8 litoj
3 pafoj plus 5 pafoj estas 8 pafoj
---
3 plus 5 estas 8

c) La inferenco laŭ analogio, kiu konkludas de la sameco en kelkaj punktoj al la sameco ankaŭ en aliaj. Tiel ekz. Kepler rezonis jene:

La planedo marso havas elipsan orbiton
La planedo marso similas al la aliaj planedoj en multaj gravaj punktoj
---
La aliaj planedoj ankaŭ havas verŝajne elipsajn orbitojn.

Senpera inferenco (Folgerung) havas nur unu premison, ekz.: Ĉiuj metaloj estas elementoj; sekve ĉiuj neelementoj ne estas metaloj.

Entimemo estas mallongigita konkludo, ekz.: Ĉar ĝi estas malvirto, la monavido estas mallaŭdinda.

Falsa inferenco povas esti paralogismo (se la falseco ne estis intencata) aŭ sofismo (se la konkludo erarigas intence).

Germ.: Schluss Angle: conclusion France: conclusion Esp.: konkludo.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

konkludi: fari konkludon.
inferenci: fari inferencon.

## Kaŭzo.

Kaŭzo estas io en rilato al dua io, el kiuj la dua ne povus ekzisti sen la unua. „Kaŭzo estas tio, pro kio io estas aŭ iĝas tia, kia ĝi estas.“ Sed ĉar iu kaŭzo mem ne povus ekzisti sen alia, kiu ĝin ekzistigis, de kiu ĝi estas la efiko, do rezultas kaŭza interrilato (Kausalnexus) kaj vico de (la) kaŭzoj (Kausalreihe), kiu do estas kontinua okazado. „Kaŭzo kaj efiko estas nedisigeblaj fenomenoj“ (Goethe). La principo pri kaŭzeco (Kausalitätsgesetz) eldiras, ke el ĉiu kaŭzo sekvas efiko, kaj renverse: Se ne ekzistas kaŭzo, ne povas okazi efiko.

Kaŭzo ne estu intermiksata kun ekig(aĵ)o, (ek)komencig(aĵ)o, kiu estas nur la lasta ekstera, ofte hazarda okazaĵo, kiu produktas efikon („la fajrero, kiu falas en pulvobarelon"). Ekz. la kaŭzo de la mondmilito estis la konkurencemo de la nacioj sur politika kaj ekonomia kampoj; la komencigaĵo estis la mortigo de la aŭstra tronheredonto.

Germ.: Ursache Angle: cause France: cause Esp.: kaŭzo.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

kaŭza (kausal, ursächlich): Estanta kaŭzo.
kaŭzi: Fariĝi kaŭzo kaj per tio estigi efikon.
kaŭzeco (Kausalität): La interligiteco per kaŭzoj.

## Kialo (motivo).

La kialo estas penso, de kiu alia penso (la sekvo) povas esti devenigata. Kialo, kiu instigas la volon, estas nomata motivo (Beweggrund).

Germ.: Grund Angle: reason France: raison Esp.: kialo.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

motivi: Esti motivo por praviĝo de io; ekz.: Spertoj motivas decidojn.

## Apercepto.

Apercepto estas la intencata, volata, konsciata akcepto de novaj sensacaĵoj aŭ imagaĵoj kaj ties enordigo en la provizon de la imagaĵoj jam ekzistantaj en la menso. Perceptante la psiko estas pasiva, aperceptante ĝi estas aktiva; ĝi elektas, komparas, analizas kaj sintezas laŭ sia propreco.

Germ.: Apperzeption Angle: apperception France: aperception Esp.: apercepto

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

apercepti: fari apercepton.
apercept-ondo: la ŝanĝiĝo de la atentintenso.
apercepto-psikologio: Skolo de la psikologio, kiu bazas la tutan psikan vivon sur volprocedoj. Ĝia fondinto estas Wundt. Kontraŭe la asoco-psikologio bazas la psikajn procedojn sur la leĝoj de sinsekvo de l' imagaĵoj kaj neas aktivan psikan forton. Ĝiaj fondintoj estas Hartley kaj Hume.

## Konscio.

Konscio estas la pli-malpli klara scio pri statoj aŭ procedoj en nia psiko. Ĝi estas la kapablo de estaĵo, scii pri la ŝanĝiĝo de siaj psikaj statoj kaj per tio ankaŭ pri siaj rilatoj al la ekstero. La moderna psikologio konas subkonscion, kiu rilatas al psikaj enhavaĵoj, pri kiuj la persono mem nenion scias, sed kiujn ĝi latente portas en si. La subkonscio estas esplorata de parapsikologio kaj psikoanalizo.

Germ.: (Ober-)Bewusstsein Angle: consciousness France: conscience Esp.: konscio.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

konscii: havi konscion (pri).
nekonsci(at)a: Ago de homo estas nekonsciata, se ĝi procedas sen psika korelativaĵo.

(Daŭrigota.)

---

## La mondo laŭ rektaj linioj.

D. E. Zuidhof, Heemstede, Nederlando.

Jen la afero, por kiu mi petas vian specialan atenton.

Mi havas la honoron sciigi al vi, ke mi projektis kelkajn geografiajn kartojn, kaj titolis ilin kolektive: „La mondo laŭ rektaj linioj.“ Ili estas diagramoj de loko, linioj, grandeco, nombro da enloĝantoj, la denseco de la popolaroj en la diversaj landoj, la kontinentoj, ktp.

N-ro 1. Nederlando.

N-ro 2. Eŭropo.

N-ro 3. La kontinentoj.

N-ro 4. La kvar literoj A (t. e. Azio, Afriko, Ameriko kaj Aŭstralio).

N-ro 5. De okcidento al oriento (t. e. de Nederlando al Hindujo).

Ili estas murkartoj, formato proks. 90×70 cm. El tiu serio la numeroj 1 ĝis 4 estas presitaj laŭ rektaj linioj, pri numero 5 mi ne povas diri tion, tiu pli similas ordinaran karton. La prezo estas iom pli ol 1 dolaro usona. Ili estas presitaj sur fortika papero kaj provizitaj per belaj kadroj, ili estas pretaj por tuj pendiĝi en lerneja ĉambro, loĝĉambro, kontoro, atendejo aŭ kunvenejo. Mi bedaŭras ke mi devas komuniki al vi, ke la eldono okazis nur en la Nederlanda lingvo kaj ne ankoraŭ en Esperanto. Sed tio ne estas tre grava, se vi ŝatas Esperantan eldonon, mi tuj estas preta prizorgi tion kaj baldaŭ ĝi aperos en nia lingvo. Kiam vi ŝatas tian eldonon, bonvolu sciigi tion al mi. Mi promesas, zorgi, ke la kartoj estu neriproĉinde presataj kaj haveblaj laŭ modesta prezo. Laŭ tia formo ili eĉ estas uzeblaj por ne-Esperantistoj kaj estas gravaj propagandiloj por nia kara lingvo. Jam estis eble al mi desegni kelkajn el la serio kun Esp. teksto.

La celo de la projektanto estas, ke oni en la lernejo ne multe parolu pri tiuj ĉi kartoj, la kartoj mem parolas al la infano. Laŭ originala maniero diversaj ideoj estas klarigataj, ideoj, kiujn la ordinaraj kartoj ne sufiĉe povas atentigi, ideoj, kiuj en la instruado de geografio, kie ajn, ne sufiĉe estas instruataj, kvankam ili estas tre utilaj. Ne estas mia intenco doni metodon, kiu devas anstataŭi aliajn metodojn. La kartoj devas esti rigardataj kiel necesaj kompletigiloj. Tre simpla estas la maniero laŭ kiu la landoj, provincoj, gubernioj kaj mondpartoj estas reprezentataj. Per propra rigardado, sen helpo de aliaj, la lernanto povas vidi, kie la diversaj landoj kuŝas, kiuj landoj ĉirkaŭas ilin, kiel grandaj ili estas, kiom da homoj loĝas en ili, ĉu ili loĝas dense unu apud la alia, jes aŭ ne, ktp. Tie, kie oni volas enkonduki la t. n. laborlernejojn, en kiuj oni volas igi la lernantojn mem labori, mem serĉi kaj pristudi, kie oni taksas tian laboron pli valora ol lernado parkera, tie, mi volas diri, la kartoj havas tre grandan utilon. La instruisto povas demandi multon, kion la lernantoj nun mem povos respondi. Ekzemple:

1. Kion vi respondus, kiam mi demandus al vi: Kiu lando troviĝas fakte en la mezo de Eŭropo?
2. Kien vi venos, kiam vi el tiu lando iros norden?
3. Kaj kien, kiam vi el Germanujo iros okcidenten?
4. Kiuj landoj en Eŭropo estas proksimume tiel grandaj kiel Nederlando?




5. Ĉe kiu maro Nederlando kuŝas, mi ne volas demandi, sed, kiuj landoj kuŝas ĉirkaŭ la Norda maro?
6. Ĉu vi povas montri al mi landon en Eŭropo, kiu tute estas ĉirkaŭata de la maro?
7. Kaj ekzistas ankaŭ landoj, kiuj tute ne kuŝas ĉe la maro?
8. Kio estas la plej granda lando en Eŭropo? La plej juna el la granda familio de nacioj vi ne jam povas trovi sur mia granda karto, sed ĉu vi scias ĝian nomon?
9. Diru al mi, kiom granda estas Francujo?
10. Ĉu vi rapide povas vidi, kiom granda Norvegujo estas?
11. Kiu estas pli granda, Norvegujo aŭ Anglujo?
12. En kiuj landoj de Eŭropo loĝas pli ol 20 milionoj da homoj? Tiuj estas la grandaj ŝtatoj.
13. Kaj kiuj landoj havas tiom da enloĝantoj kiom Nederlando?
14. Kiu parto de Eŭropo estas plej dense priloĝata?
15. Ĉu vi povas klarigi tion?
16. Kaj kie loĝas la homoj plej malproksime unu de la alia?
17. Ĉu vi povas klarigi tion?

Sed, sufiĉe. Infano ne povas respondi tiujn demandojn sen helpo, ĝi mem povas fari tiajn demandojn, ne unu, ne dek, sed . . .

La projektanto havas nur unu gravan celon, nome: bone malfermitaj okuloj, mem demandi, mem diri, pripensi, klarigi, serĉi interrilaton, unuvorte: memlaboreco ne vana sono, sed realeco. Unu aferon mi timas, nome: ne igu la infanojn respondi ĉiujn ĉi tiujn demandojn dum unu leciono. Prenu la diagramon, kiam la cirkonstancoj postulas tion. Mi nur donas la instruilon, la uzadon mi

lasas kun fido al la instruisto. Grandeco estas relativa ideo, por kompari ĉiam ekzistas la okazo. Ne nur por junaj homoj la kartoj estas taŭgaj, ankaŭ por tiuj, kiuj ne plu estas lernantoj laŭ la senco de la vorto. Mi pensas pri tiuj personoj, kiuj el la gazetoj ĉerpas la konon pri okazintaĵoj ĉirkaŭ ili. Ili legas sciigon el Ĉeĥoslovakio. Ili proksimume scias, kie tiu lando estas, sed precize ne. Momenton rigardi la karton, kiu pendas tie. Kiel klara subite ĉio fariĝas!

Ĉar la scienco, la komerco kaj industrio pli kaj pli anoncas siajn rezultatojn per ciferoj kaj uzas diagramojn, la tiel nomitaj lerni-legi-diagramoj estas necesaj, do mi povas postuli, ke tio ankaŭ estu instruata en la moderna lernejo. Jam la popollernejo povas fari ion en tiun direkton, kaj tiuj ĉi kartoj estas bonaj iloj por tio.

Sed, pli longe paroli pri mia laboro mi ne faras. Mi esperas ke mi sukcesis iomete konigi ĝin al vi. La aperintaj kartoj estas ekspoziciataj en diversaj lernejaj muzeoj, ili estas mendeblaj pere de la librejoj aŭ rekte ĉe la eldonistoj Joh. Enschedé kaj filoj, Haarlem, Nederlando. Mi esperas, ke multaj personoj uzos miajn kartojn por pliperfektigi kaj klarigi sian konon, por la feliĉo de la junularo kaj disvastigo de sana popolklerigado.

Kiam eble estas inter vi kelkaj, kiuj deziras miajn diagramojn en Esperanto, bonvolu skribi tion al mi.

Afable mi petas al vi, ne lasu la kartojn en la ujo, sed pendigu ilin en via lerneja ĉambro aŭ kontoro, prefere en la plena taglumo, tie, kie ili tuj estas videblaj. Ili estas parto de longjara laboro, mi esperas, ke ĝi baldaŭ tutpreta povos esti eldonata por pli bone klarigi al vi, kiu formas unu tuton, logikan tuton, kaj kio estas mia celo.

Mi malŝatas la malnovan metodon de enstampado. Nutraĵo, pri kiu estas petate, kiu volonte estas konsumata, digestas bone; tio, kio ne estas alprenata, estas nedigestebla kaj malutila. Mem laborі devas la infano, tio estas la vojo ankaŭ en la studado de, mi povas diri, „la tero kaj ĝiaj popoloj.“ La nova lernejo ne estu vana sono. Ĝi estas pli proksima ol multaj personoj pensas, kondiĉe ke ili mem laboras por ĝi. Kiam vi atente estas pristudintaj kaj pripensintaj miajn diagramojn, mi tre ŝatas aŭdi vian opinion, ĉu persone al mia adreso, ĉu, kio estas pli bona, en via (aŭ alia) organo por edukantoj, instruistoj kaj gepatroj, por la bono de la junularo. Mi estas konvinkita ke via kritiko ne estos malaprobo. Mi tre ŝatas ricevi ĝin. La laborlernejo por la estonta homo estu preparo por vigla, celkonscia penado en la lernejo de la vivo.

La serio de 5 kartoj estas reproduktaĵo de kartoj el projektita kartaro. Ankaŭ tiu kartaro jam aperis. La superrigardo de la tuta laboro pliboniĝas per tio. La formato de tiu ĉi kartaro estas 32×24,5 cm.

Flanke de mia diagramo, la karto laŭ rektaj linioj, mi ankaŭ aldonas la kutime uzatan karton; maldekstre la rektan, dekstre la veran, la karton en ĝia natura formo, nur iom simpligita. Kial la kutima karto? Vidu, trans Amsterdamo, la ĉefurbo de mia lando, estas desegnitaj du dikaj linioj, por montri la direktojn. Nord'—Sud' kaj Orient'—Okcident'. El tiuj du linioj estas desegnitaj linioj pli maldikaj. Tiamaniere formiĝas kvaranguloj. Ĉiu kvarangulo indikas la distancon de 100 horoj. La serioza leganto denove povas fari multajn demandojn rilate al la direkto kaj distanco, kaj povas vi respondi ilin. Jen kelkaj ekzemploj:

1. Kiel nomiĝas la ĉefurbo de mia lando? Montru ĝin sur mia karto.
2. Kien vi alvenos, kiam vi iras okcidenten el Amsterdamo?
3. Kiom estas la larĝeco de la Norda maro apud Ymuiden?
4. Kiuj lokoj kuŝas sude de mia ĉefurbo?
5. Kien vi venos, kiam vi eliras el Amsterdam al la oriento?




6. Kiom granda estas la distanco inter Amsterdam kaj Parizo? Kaj Londono? Kaj Berlino? Marseille?
7. Kiu distanco estas la plej granda en Eŭropo?
8. Kiom da tempo vi bezonas por la distanco de Amsterdam al la Kaspia maro?
9. Promenanto iras 5,5 km. po horo. La elektra vagonaro inter Amsterdam kaj Rotterdam havas hore konstantan rapidecon po 90 km., ĝi do iras . . . oble tiel rapide kiel promenanto.
10. Kiom da tempo ĝi bezonas por la nomita distanco?

Sed kial pli da demandoj? La helplinioj sur nia karto havas signifon, ili ne estas hazarde desegnitaj. Ankaŭ por la kopiado de la karto ili utilas. La kopiado ne plu estu senpensa laboro, per kio la infanoj estas distritaj, sed la laboro okazu kun kompreno. Dum la desegnado multaj demandoj venos al la infanoj.

Por multaj el vi estas eble malopportunaĵo, ke mi elektis Amsterdam kiel elirpunkton, kial ne ekz. Varsovio aŭ Genève? Por eviti tiun malopportunaĵon mi intencas presigi ruĝan reton sur travideblan paperon, tute aparte. Tiamaniere la karto estas uzebla por ĉiu el vi, kie ajn vi loĝas.

Mi petas vin, ne forgesu, ke la kartaro momente nur aperis en la Nederlanda lingvo. Poste, kiam la intereso estas sufiĉe kontentiga, ĝi ankaŭ aperos en Esperanto.

---

# Alvoko.

Nia TAGE-kunveno en Kolonjo alproksimiĝas. Por la preparo ni urĝe bezonas la jarkotizojn de niaj ŝatataj membroj. Bonvolu do sendi la monon kiel eble plej baldaŭ La membroj de la Germana Asocio al Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch n-ro 27857 aŭ poŝtĉekkonto Dresden 263.79, Kurt Hofmann; membroj de la Saksa Asocio al Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto Dresden 156 09; membroj de TAGE en ĉiuj negermanaj landoj al sia agento aŭ rekte al la poŝtĉekkonto de la administranto de IPR.

---

# Esperanto kaj lernejoj.

Prilaborita de Albrecht Naumann, Großenhain Sa. (Germ.).

## EŬROPO.

### 1. Ĉeĥoslovakujo.

Praha (Prag). Ĉsl. Esp.-Instituto malfermis 4. 1. 33 ŝtatan kurson de Esp. por prepari al la ŝtata ekzameno, okazonta dum Aprilo, kandidatojn instruontajn Esperanton en la komunumaj kaj burĝaj lernejoj. Prelegas pri ĉeĥa lingvo, pedagogio kaj prilernejaj leĝoj prof. Vaŝa, pri interesaĵoj en Esperanta gramatiko kaj sintakso D-ro Pitlik. Ĉeestas 22 ge-esperantistoj.

Prag (Praha). „Revuo de Ĉsl. instruistinoj" je 24. 12. 32 enhavis sur paĝoj 287—289 rezumojn el IPR, faritajn de instruistino J. Ŝupichova. Tiu fervora kolegino jam depost kvin jaroj kuŝas malsana en la lito, tamen multe maŝinskribas por Esp. en diversaj gazetoj.

### 2. Estonujo.

Pärnu. 20. kaj 21. 12. 32 restadis hungara samideano T. Czitrom en Pärnu. Li prelegis pri Hungarujo en gimnazio por 200 lernantoj kaj instruistoj kaj en popola universitato por 124 personoj. Ambaŭ prelegojn interpretis E. Mälson.

### 3. Francujo.

Dieppe. Kurso en lernejo Pigier.

Nice. Laŭ permeso de la Supera Inspektoro pri edukado, laŭvola Esp.-kurso estis malfermata ĉe Supera Lernejo por Instruistoj en Nice (tria jaro). La kurso estas gvidata de s-ro G. Avril.

Soissons. Parolado de s-ro Bourniche por 62 instruistoj.

### 4. Germanujo.

Gohlis-Dresden. Ankaŭ por la kristfesto pasinta ges-roj D-ro Arnhold sendis valorajn donacojn (ŝuojn, tolaĵojn, vestaĵojn, librojn ktp.) por multaj malriĉaj gelernantoj de la Esp.-klaso. La skota amiko de la Gohlis-anoj, s-ro Kennedy, aldonis dolĉaĵojn por ĉiuj 40 gelernantoj. Koran dankon al la grandanimaj donacintoj. Dum Decembro dufoje gimnaziaj klasoj el Dresden vizitis kiel gastoj la instruadon de lernejestro Hahn.

Köln. Akademia Esperantista Rondo nun estas aprobata ĉe la universitato kaj havas tabulon inter la aliaj tabuloj de la studentaj korporacioj. AER donas senpagajn kursojn al siaj membroj.

Leipzig. Je 20. 2. 33 la distrikta instruista komitato Leipzig IV kiel urba lerneja konsilantaro decidis, enkonduki de post Pasko libervolajn kursojn por stenografio kaj Esperanto, por kiuj la partoprenantoj pagos pomonate 50 pfg. La kotizo estos transdonata al tiu Esp.-unuiĝo, kiu disponebligas kaj pagas la gvidantojn. Ĝi devas raporti pri tio al lerneja konsilantaro.

Leipzig. 10 kursoj por 293 infanoj estas aranĝitaj de Esp.-Societo Leipzig.

Pirna ĉe Elbe. S-ro studkons. Glöckner gvidas kurson de 18 lernantoj en komerca lernejo kaj private instruas ses knabinojn.

### 5. Hispanujo.

Madrid. Hispana ministerio por publika instruado konsentis al Hispana Esp.-Asocio subvencion de 5000 pesetoj por ampleksigo de Esp.-instruado. HEA decidis, malfermi rapidajn kursojn por geinstruistoj en Madrid kaj tri aliaj urboj kaj starigi 11 premiojn. Ĉiu premio konsistas el 400 pesetoj kaj kongreskarto por la Kolonja Kongreso, por ke 11 premiitaj geinstruistoj povu ĉeesti la kongreson, kolekti spertojn kaj poste oficiale raporti al la ministerio. Ĉi tiuj kursoj certe estos grava paŝo en Hispanujo, ĉar la Ministerio bone observos ilin same kiel ankaŭ la Pedagogia Fako de la Ateneo de Madrid, kie s-ro Rosenörn jam komencis ĉiutagan Esp.-kurson kun pli ol 30 geinstruistoj. Post la dua leciono vizitis japana inĝeniero, kiu mem lernis Esperanton nur de post ses monatoj. Li alparolis la kursanojn kaj ili sufiĉe bone komprenis lin.

### 6. Hungarujo.

Budapest. 9. 12. 32 fondiĝis la „Akademia Esperantista Pedagogia Societo". Aliĝis pli ol 150 personoj, grandparte profesoroj kaj instruistoj. Prezidanto fariĝis Jozefo de Mihalik, ĉefsekr. Stefano de Ferenczy, protektantoj pens. ministro D-ro Benard kaj D-ro G. Lukacs (fama ministro por instruado). La nuna ministro por instr. muzea direktoro kaj prof. Balint Homan, oficiale reprezentigis sin per D-ro Gyula Nevelös, ministra konsilanto, kiu esprimis grandan simpation al Esperanto inter la instruistaro.

Debrecen. La 2. kaj 3. 12. 32 en Pedagogia Seminario antaŭ 200 geinstruistoj s-ro J. Matyas prelegis pri la lernaferaj spertoj de sia pasintsomera peresperanta vojaĝo tra Polujo kaj Litovujo. Ambaŭokaze la unuhoraj prelegoj faris profundan efikon favore al Esperanto.

Györ. Kurso aranĝita en instruista seminario.

### 7. Italujo.

Roma. La 13-an de Sept. 1932 la Ministerio de Publika Instruado de Italujo sciigis al la prezidanto de Itala Esperantista Federacio, ke libervolaj kursoj de Esperanto ĉe italaj lernejoj estas ĉiam permesataj.

Brescia. Baldaŭ komenciĝos superaj kursoj ĉe Reĝa Instituto por geinstruistoj (Magistrale) kaj ĉe Faŝista Instituto de Kulturo. Ĉiujn kursojn gvidas prof. G. Facchi.

Venezia. La registara direktoro por mezgradaj lernejoj de Veneciaj provincoj sendis cirkuleron al la koncernaj lernejoj anoncantan libervolajn kursojn en Esperanto, kiuj jam komenciĝis.

### 8. Litovujo.

Ŝiauliaj (Schaulen). Ekspozicio de diversaj Esperantaĵoj en la hebrea gimnazio, kies direktoro paroladis pri la neceseco de Esperanto por la malgrandaj nacioj.

### 9. Nederlando.

Rezultato de la ekzamenoj dum la jaro 1932: Okazis en Nederlando 10 Esp.-ekzamenoj: 7 por diplomo A (atesto pri lingva kapableco), kiun sukcesis 599 el 760 kandidatoj, 3 por diplomo B (atesto pri instruist-kapableco), kiun sukcesis 139 el 192 kandidatoj. La B-ekzamenoj estas kontrolataj de Registara Delegito. Por 1933 oni jam anoncis denove 10 ekzamenojn.

### 10. Polujo.

Warszawa. Post la bone sukcesinta prelego de negra samideano Kola Ajayi, kiun atente aŭskultis multaj gepatroj kaj gelernantoj de la popollernejo n-ro 70, komenciĝis Esp.-kurso por 32 gelernantoj, gvidata de instruisto B. Gluchowski. En la lernejo n-ro 127 kurson por 25 gelernantoj organizis instr. S. Rzysko. — „Pola Instruista Asocio" estas tre favora al Esp. Ĝi intencas baldaŭ fondi Esp.-sekcion kaj aranĝi kurson

por geinstruistoj. (Ni forte atendas la aliĝon de tiu sekcio al TAGE, por fortigi ambaŭ!)

Warszawa. Akademia Esperantista Rondo regule gvidas du elementajn kaj unu perfektigan kursojn. Ĉiudimanĉe prelegoj okazadas.

### 11. Sudslavujo.

Bjelovar. Laŭ permeso de la ministerio de klerigo okazas du kursoj por komencantoj en gimnazio, gvidataj de prof. Novljan kaj Ŝaj.

Zagreb. (Agram). 16. 12. 32 okazis la ĝenerala kunveno de la Studenta Esperantista Klubo. El sekretaria raporto: Dum 1932 estis arangîtaj 12 radio-prelegoj pri Esperanto kaj Esperantismo. Estis gvidataj tri kursoj, kiuj sukcese finiĝis. Multaj propagandaj artikoloj aperis en la naciaj gazetoj. La anaro kunvenadis ĉiuvendrede diskutante pri aktualaj Esp.-problemoj. La radio-prelegoj estas daŭrigataj ĉiun duan sabaton de 18.30 ĝis 18.45.

## AMERIKO.

### 1. Brazilo.

Niteroi (Ŝtato Rio). Dum la 5-a Nacia Kongreso de Edukado Brazila Ligo Esperantista kun permeso de la direktoro de Publika Instruado organizis interesan ekspozicion de Esperantaĵoj, kiu daŭris dek tagojn kaj estis multe vizitata.

Rio de Janeiro. Dum la jaro 1932 regule funkciis kursoj en la jenaj lernejoj: Kolegio Petro II, modela instruejo, subtenata de la Federala Registaro — du kursoj; Instituto de Edukado, diplomejo de la unuagradaj geinstruistoj — unu kurso; Lerneja Grupo „Rodrigues Alves" — unu kurso por geknaboj. La direktorino de tiu ĉi lernejo, ĉe la fino de la kursoj, ekspoziciis la leterojn, poŝtkartojn kaj Esperantaĵojn ricevitajn de la gelernantoj. Tiuj ĉi kantis poezion „En mia lando" kun muziko de konata brazila komponisto.

## AZIO.

### 1. Japanujo.

Takaoka. En reallernejo Takaoka Ŝookoo Jasŝa Gakko 40 lernantoj lernas Esperanton sub la gvido de esperantistoj en la loka Komerca Kolegio. La lernejestro tion favoras, kaj oni esperas, ke la lernejo mem alprenos Esperanton en la regulan lecionplanon.

Tokio. „Kokusai Jiho" (Internacia Infankultura Revuo), monata organo de Teikoku Jidookiokukai (Imperia Infankultura Asocio) en Tokio nove eldonita de Januaro nunjara, havas Esperantan rubrikon. — La asocio celas internacian firman kunligon de infanoj. Por realigi ĝian idealon, ĝia prezidanto s-ro Iŝii, kvankam ne Esperantisto, decidis alpreni Esperanton por korespondado. El 60 paĝoj de la revuo li dediĉis 10 por Esperanto.

---

# Sciigoj pri la geinstruistoj de Estonujo.

La preparado de geinstruistoj en Estonio okazas en seminarioj, pedagogiumoj kaj universitato. Longan tempon 5 seminarioj laboris en Tallinn, Tartu, Rakvere kaj Haapsalu. El ili estas fermitaj 3 kaj nur al la seminarioj en Tallinn kaj Tartu estas donita laborebleco. La kurso de la seminarioj estas sesjara kaj bazas sur sesjara popollernejo. La finintoj de la seminario ricevas la rajton por studadi en universitato aŭ praktiki ĉe iu popollernejo dum unu jaro, post kiam nur oni donas la profesiateston pri la instruisto de popollernejo. La prezentadon de tiu atesto oni postulas ĉe ĉiuj instruistaj elektoj, kiujn okazigas en la urboj specialaj skolkonsilantaroj kaj en la kamparo komunumaj deputitaroj.

En Estonio funkcias vico da kompletiglernejoj t. e. popollernejoj kun kurso plilongigita je du jaroj. Por prepari ge-

instruistojn de kompletiglernejoj en Tallinn kaj en Tartu laboras specialaj pedagogiaj institutoj (pedagogiumoj), kien estas akceptataj la finintoj de mezlernejo, kun dujara kurso, al kiu sekvas provjaro. Ĉar la subtenantoj de la kompletiglernejoj estas urboj kaj komunumoj, do ankaŭ la elektoj de la geinstruistoj okazas en la koncernaj klerigkonsilantaroj.

La antaŭpreparado de mezlernejaj geinstruistoj okazas en la universitato de Tartu, en la koncernaj fakultatoj, kie rajtas studi la finintoj de mezlernejo aŭ seminario. La studado daŭras ĝenerale 4—5 jarojn, post kio nur ebliĝos trovi oficon en mez- aŭ profesilernejoj, kie la lernejsubtenanto elektas la instruistojn kaj ŝkolministerio konfirmas al la ofico.

En la pasinta jaro estis proksimume 300 popollernejaj, kaj 50 mezlernejaj geinstruistoj sen laboro. Ilia registrado okazis en ŝkolministerio. En la nuna jaro estis donita leĝo, kiu malpermesas havi oficon al ambaŭ el la geedzoj, se la enspezo de unu el ili superas en la urboj 140 Est. kronojn (37,0 d.) aŭ en la kamparo 90 kr. (23,8 d.). Laŭ tiu ĉi leĝo oni senoficigis aron da geinstruistoj kaj ilin anstataŭis novaj el la rezervo.

Por la plua klerigado de la geinstruistoj ŝkolministerio aranĝas preskaŭ ĉiusomere kursojn en pluraj urboj, same ankaŭ la Estona Instruista Asocio, kiu estas la centra unuiĝo de la profesiaj organizaĵoj de la geinstruistaro. Ankaŭ la lernejaj administracioj de la urboj kaj komunumoj organizas ofte por geinstruistoj kursojn kaj lecionojn dum la instrua tempo. La instruistaj unuiĝoj aranĝas en pli malvasta skalo instruistajn tagojn, parolvesperojn, disvastigas sciencan literaturon kaj zorgas pri la spirita nivelo de la geinstruistaro.

La laboro en la lernejoj daŭras 30—35 semajnojn jare kun intertempoj dum Kristnasko kaj Pasko. Por la popol- kaj kompletiglernejaj geinstruistoj la nombro de la semajnlecionoj estas 28, por kio oni ricevas la plenan salajron, sed ĉe pli malgranda nombro oni pagas ankaŭ porpocie pli malmulte, ĉe pli granda nombro de la lecionoj oni ne pliiĝigas la salajron. La nombro de la lecionoj por mezlerneja instruisto estas 25 en la speciallkaj faklernejoj — 20. La lernejestroj (direktoroj) donas ne malpli ol $^1/_3$ de la lecionnormo de instruisto. La helpantoj de la estroj (inspektoroj) same laboras 2 lecionojn malpli, sed ne malpli ol ½ de la instruista lecionnormo. En la kamparaj lernejoj la geinstruistoj estas ligitaj ankoraŭ kun la laboroj de internulejo, por kio oni ne pagas apartan rekompencon.

La salajroj pliiĝas laŭ la servjaroj post ĉiuj 3 jaroj, finiĝante per 12 jaroj. La plejmulto de la elementlernejaj geinstruistoj apartenas al la II-a klerigŝtupo (seminario) kaj ilia salajro altiĝas de 90 ĝis 130 kr. (23,8—34,4d), sed la salajro de la geinstruistoj kun universitata klero povas altiĝi en la mezlernejo ĝis 170 kr. (44,9d). La salajro de mezlernejaj geinstruistoj en la popollernejo komenciĝas de 100 kr. (26,4d) kaj povas altiĝi en la mezlernejo ĝis 200 kr. (52,9d). La estro de la popollernejo ricevas 100 kr. (26,4) ĝis 240 kr. (63,4d) kaj en la mezlernejo 130 kr. (34,4) ĝis 260 kr. (68,8), konforme al la klereco. En la kamparaj lernejoj la geinstruistoj ricevas senpagan loĝejon kun hejtado kaj lumigado, ofte 2—3 ĉambrojn kun kuirejo. En la urboj tiel ne estas. Tamen la urbo Tallinn donas por siaj geinstruistoj jare 13 monatsalajrojn kaj ankoraŭ 5% aldonpage — tiun por loĝejo.

Por la kuracado la geinstruistoj pagas egale kun la aliaj ŝtatoficistoj 40—60% de kuracelspezoj, dume la restantan sumon pagas lernejaj administracioj aŭ subtenantoj de la lernejo. Por la salajroj la ŝtato donas 80%, dume 20% donas la lernejsubtenanta urba aŭ komunuma lerneja administracio aŭ privata persono. Por la pensio oni dekalkulas 2% de la salajro. La pension rajtas ricevi geinstruistoj, se ili estas oficintaj 25 jarojn kaj

estas 60-jaraj. La grandeco de pensio dependas de la aĝo de la persono, de la oficjaroj kaj de la perdo de la laborpovo. Ĝenerala pensio estas 70% de la salajro.

Ĉar la plejmulto de la laborantaj geinstruistoj en Tallinn apartenas al tiu kategorio, laŭ kiu la fundamenta salajro estas 130 kr. (34,4) monate, do oni permesu montri por kio estas elspezata tiu sumo en kvarmembra familio: loĝejo 40 kr. (10,5), manĝado 60 kr. (15,8), vestoj 20 kr. (5,2), aliaj bezonaĵoj 10 kr. (2,6).

Eble la geinstruistoj, loĝantaj en la kamparo, havas pli bonajn avantaĝojn por vivado, sed la edukado de la infanoj kaj kontentigado de spiritaj bezonoj igas la geinstruistojn en ĉiu ebla okazo elkloĝi en urbo. Krome la laboro en la kamparo estas pli malfacila, ĉar ĉe unu instruisto laboras ofte 3—4 klasoj samtempe. La plejmulto de 5000 geinstruistoj estas per siaj unuiĝoj organizitaj en Estona Instruista Asocio, kies nombro de la anoj superas 3000.

Decembro 1932. F. S.

---

## Hungara Esperanto-Pedagogia Asocio,

**Budapest VII, Damjanich str. 43.**

La Hungara Esperanto Pedagogia Asocio fondiĝis je 8-a de decembro 1932 en solena kaj brila kunsido. Ĉeestis pli multe ol 200 geinstruistoj kaj profesoroj, eĉ reprezentis sin ĉiuj eminentaj pedagogiaj societoj. Dum la fonda kunsido faris tre seriozan kaj gravan deklaracion la reprezentanto de kultusministro D-ro Julio Nevelös ministra konsilanto, kiu en nomo de kultusministro diris, ke li laŭvorte kaj laŭsignife akceptas la ideojn kaj planojn, kiujn enhavis la malferma parolado de profesoro Mihalik. La ministro rigardas la novan asocion tre grava, estas preta helpi ĝin ĉe ĝia celo kaj ĝojas pri ĝia fondiĝo.

La celo de nova asocio estas: labori por enkonduko de Esperanto-instruado en lernejojn; por tiu laboro pretigi sur pedagogia bazo metodrikajn kaj lertajn Esperanto-instruistojn; interligadon krei inter hungarlandaj kaj eksterlandaj pedagogoj; farigi per la kultusministerio ekzamenkomitaton, kiu donu aprobitan Esperanto-instruisto-diplomon.

La antaŭlaboroj jam estas faritaj, nun paŝon post paŝo ni devas serioze labori, ĉar se nun iu el ni estus faranta malfeliĉan paŝon, la tuta afero por multaj jaroj estus enterigata. La asocio elektis prezidanto profesoron Jozefo Mihalik de Hernádszurdok, kiu jam multe laboris por la intereso de hungarlanda Esperanto-movado kaj ĉirkaŭ li staras seriozaj kaj junaj pedagogoj, kiuj ne lasos morti la komencitan laboron. Nature por gravaj sukcesoj estos necesaj tempo, pacienco kaj kuraĝo, sed la gvidantaro havas ilin, do espereble ne estas jam malproksime la tago, kiam denove ekflamiĝos en Hungarlando la movado por lingvo Esperanto.

Al la asocio ĝis nun aliĝis 237 pedagogoj, kiuj reprezentas ĉiuspecajn lernejtipojn, troviĝantaj en Hungarlando.

J. M.

---

## Esperanto-Asocio de Germanaj Geinstruistoj.

La membroj de la provizora estraro de la Esperanto-Asocio de Germanaj Geinstruistoj formetis siajn oficojn en la kunsido de la 24-a de aprilo 1933. Laŭ la proponoj de la lastaj ĉefkunvenoj de tiu asocio — meti la estrarecon en la manojn de ekstersaksa grupo — oni samtempe petis la Esperanto-grupon en Köln: Arbeitsgemeinschaft Esperantokundiger Lehrpersonen trovi kiel eble plej baldaŭ inter siaj membroj tiujn personojn por la nova estraro, kiuj post la nacia revolucio povos gvidi la Esperanto-Asocion de Germanaj Geinstruistoj.

En tre dankinda maniero kelkaj gesinjoroj en Köln deklaris sin pretaj surpreni la oficojn de la nova estraro laŭ la postuloj de la nova registaro. Estas la tasko de la ĉefkunveno en Köln doni la konsenton al tiu regulo aŭ elekti alian estraron. Ni esperas ke estos eble garantii tiamaniere la ekzistadon de la Esperanto-Asocio de la Germanaj Geinstruistoj.

La ĉefkunveno de la Esp.-Asocio de Germ. Geinstruistoj estos je merkredo, la 1-a de aŭgusto 1933, 15-a horo en Köln. R. Räuber.

---

# Recenzoj.

Ernst Bücken, Kompendio de la muzikeduko. Akademische Verlagsgesellschaft Athenaion m. b. H. (akademia eldonsocieto Athenaion k. l. r.), Potsdam, 1931, 448 p., germanlingve.

La eldonejo, konata per siaj grandaj kompendioj, eldonigas per la Kolonja muziksciencisto D-ro Ernst Bücken grandan Kompendion de la muzikeduko kiel aldonon al la multampleksa kompendio de la muzikscienco, kiu nun ankoraŭ estas aperanta.

Jam tro longtempe ekzistas muzikeduko kaj oni skribas pri ĝi, sen sufiĉe konsideri la pedagogian **realon.** Precipe la meza lernejo (gimnazioj ktp.) forgesis, ke krom muziko kiel alta arto ekzistas ankaŭ populara muziko, kiun ĉiu ŝkolspeco kulturu unuavice. Eĉ la artikolo de Paul Mies (Kolonjo) pri Muzikeduko en la meza ŝkolo — rilate al materio treege riĉenhava — montras tiun mankon. Li parolas pri greka muziko kaj aliaj flankaj muzikhistoriaj temoj pli detale ol pri la popolkanto. Li uzas — tre merite kaj lerte! — multajn gramofondiskojn kaj aliaj instruilojn, kiujn ne povas havigi al si eĉ mezgranda lernejo. Estas merite, ke li atentas la modernan muzikon, ankaŭ la modernan dancmuzikon, bonege estas, kiel ĉiuokaze li rigardas trans la malvastajn barilojn de la aparta fako al la laborkampoj de aliaj fakoj. Ankaŭ la artikolo de Kaspar Roeseling pri Muzikeduko en la popolskolo ne kontentigas komplete, kelkaj detalaĵoj ne reprezentas la lastan staton de la metodika evoluo. Kelkaj proponitaj rimedoj ŝajnas malgraŭ kontraŭa intenco ankoraŭ tro intelektaj aŭ tro fruaj, krom i. a. la traktojn pri tonvortmetodoj. Bedaŭrinde estas, ke la traktoj pri kantomaterio kaj kantopritrakto estas tiom mallongaj, kaj ke en la kanto-ekzemploj sin trovas kelkiu „lernejkanto“ forlasita. Kion li diras pri spiro-ekzercoj (p. 188 k. s.), tio estas laŭ opinio de aliaj pedagogoj eĉ danĝera (komp. al tio i. a. Schlaffhorst und Andersen, Atmung u. Stimme (Spirado kaj voĉo), germanlingve, eldonejo Kallmeyer, Wolfenbüttel), sed bonega tio kion li traktas pri preparado de la instruisto kaj pri neceseco de muzika kulturo en la lernejoj, kiuj daŭrigas la popolskolon. Roeseling skribas ankaŭ pri Muzikeduko en kanthoroj, denove parte tro ampleksе. Kion li diras ekz. pri „absoluta percepto de la tonpaŝo“ povas validi nur por horoj bonegaj; tio forte rememorigas pri pasintaj tempoj, kiam melodio estis adicio de unuopaj intervaloj. La eldonanto mem pritraktas agrable mallonge Muzikedukon en la universitato. Preskaŭ tro malabunda fariĝis la artikolo de Walter Braunfeld pri La altlernejo por muziko. Kiu scias, kiel malmulte en la plej multaj konservatorioj oni laboras por la vera muzikeduko, tiu ŝatas pli akrajn kaj ekzaktajn traktojn pri tiu punkto. La kompletiga artikolo de Heinrich Lemacher (individua instruo — laborkomunoj) ĉefe enhavas nenecesan materiojn historian kaj teorian. Pri la planoj disdividantaj la materion por la pedagogio kelka pedagogo iom devas rideti. Bedaŭrinde estas ke la instruo pri la melodio ne ricevas la centran pozicion, kiun ĝi nepre devas okupi en la moderna

muzikeduko. Walter Kühn (Königsberg) donas taŭgan superrigardon pri la historio de la muzikeduko, kiu distingiĝas per klara elstarigo de la ĉefaĵoj kaj havas nur unu nebelaĵon, ke estas citata ĉiu unuopa artikolo de la aŭtoro, sed aliaj parte pli gravaj laboraĵoj ne estas menciitaj. Plene konformas al la ideo de „kompendio" la artikolo de Richard Wicke pri Psikologio kaj muzikeduko. La Weimar'a pedagogo donas de psikologa starpunkto rimarkindan kunigon de ĉiuj problemoj de la muzikeduko, kiu por nefakulo ne ĉiam estas facile legebla kaj estus fariĝinta ankoraŭ pli valora, se la aŭtoro estus akcentinta pli forte la aplikeblojn por la praktiko. Ke la teoria psikologio povas konduki la praktikon al falsa vojo, pruvas la traktoj de Wicke pri lingva simboligo de muzikaj formoj.

Malgraŭ ke la Kompendio de la muzikeduko ne kontentigas en ĉiuj detalaĵoj laŭ mia kritiko, oni devas danki al la eldonantoj por la risko. Kelkaj kampoj devas ankoraŭ esti priatentataj, ekz. muzikeduko hejma kaj infanĝardena, popolmuziko, instruista preparado, privatinstruado, el la apudaj kampoj (el kiuj nur la Ritma gimnastiko estas pritraktita iom abstrakte de E. J. Müller) precipe la voĉeduko, kiu en la traktoj de Roesseling iom malsufiĉe estas konsiderita. Alfred Schmidt, Dresden.

Hungara Antologio. Redaktis: K. Kalocsay. Kunlaboris: J. Baghy, K. Bodó, L. Halka, F. Szilágyi, L. Totsche. Enkondukon verkis Miĥaelo Babits. Poemoj kaj noveloj de 50 hungaraj verkistoj. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj Budapest IX, Mester-u. 53. Formato 15×23 cm. 472 tekstopaĝoj kaj 24 kliŝopaĝoj kun la fotoj de 47 verkistoj. Senligna papero, multkolora kovrilo. Prezo svisaj frankoj 12.— broŝurita; sv. fr. 14.— bindita. Aldonu 10% por sendkostoj. Membroj de AELA ricevas la verkon por sia kotizo de 13.50 fr. kiel unuan libron, el la serio de ses libroj.

Kion reprezentas tiu verko, tion prijuĝos iam la historio de la Esperantoliteraturo pli signifplene ol nun la opinio de unuopulo, kiu nur povas elkore deziri al Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj la merititan grandegan sukceson.

Post la valora libro pri „La pentroarto en la malnova Hungarujo" sekvas nun tiu juvelo el la sama eldonejo. Hungara poezio jam sin prezentis en la Eterna Bukedo de K. Kalocsay kaj la Poemaro el Hungarlando de Szilagyi. Per tia laborado (kaj oferado?) evidentiĝas klare la grava, neniel utopia kulturtasko de Esperanto, helpi al energia interpaciĝo de la popoloj per tio, ke ĝi ebligas al ĉiuj, precipe malgrandaj nacioj, aŭdigi siajn valorajn voĉojn en la koncerto homara. La Hungara Antologio estu nova, elstara kaj neniam malaperanta markŝtono sur tiu vojo. Nacia devo de eldonejo en Hungarujo estas, unue konigi hungaran literaturon: Hungarlando povas esti fiera je la laboro. Ĉu la sama eldonejo ankaŭ povas kaj intencas prilaborigi samrange aliajn malgrandajn naciojn? La nuna ekonomia stato postulas kolekton de ĉiuj fortoj en unu mano. Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj povas fariĝi tiu mano. Ni esperu kaj helpu!

Leganto! Antaŭ vi kuŝas dika, multpaĝa libro. Ne ektimiĝu opiniante, ke tia verko estu destinata nur por literaturistoj. Ne, la redaktanto promesas en la antaŭparolo „fari sian eblon por la celo: konigi hungarajn literaturajn trezorojn kaj samtempe doni kiel eble valoran kontribuaĵon al la Esperanta literaturo", kaj li volas „doni prefere interesan legaĵon". Kaj vere! La malfacila tasko, aranĝi tian sian libron, sukcese estas solvita: Ĉirkaŭ 150 paĝoj da poezio kaj 270 da prozo peras al la „ĝuema" leganto ĉiujn specojn de poemoj (dolĉan lirikon, baladon, romancon, himnon, odon, elegion) kaj ĉiujn sonojn de la

homa animo, gvidas lin tra ĉiuj regionoj de homa pasio. Sangoplenan vivon, ardan, teruran kaj dolĉan ni travivas. Ni komprenas kiel homoj ĉiujn sonojn, sed — ni migras en Hungarlando. Ke tiu ekkono ekestas en la leganto — ĝi povos esti ankaŭ nur „fremdlando kun la rimarko: tio do estas Hungarujo! — tio estas ne tro alte taksenda merito de la prilaborantaro. Kiu povis travivi nur tagojn en la hungara lando, en ĝia lingvo, tiu ne bezonas esti sciencisto, por jesi la enkondukajn vortojn de Mihaly Babits: „La hungara voĉo ne havas parencon ĉi tie (en Eŭropo), eĉ, apenaŭ en la tuta mondo: io fora, fremda, azia eksonas en ĝi, rilate al kiu eĉ la rusa estas nur samradike ĝerminta frato de la okcidentaj fratidiomoj. Al tiu ĉi lingvo respondas stranga, flegma kaj tamen fajra, azia animo, realista observmaniero akirita inter grandaj riveroj kaj sur senfinaj stepoj, prudente gardItaj popolkutimoj, speciale dura taktosento, tute apartmaniere evoluintaj kanto kaj muziko.“ La hungaroj ja havas nacian himnon, kiu respegulas vere la ecojn de la nacio sopiranta al la libereco. Ferenc Kölcsey (1790—1838) kun sia himno el la tempestaj jarcentoj de la hungara popolo ne mankas en la libro. Perloj de Esperantaj tradukoj estas la „Popolaj baladoj kaj romancoj“, ĉar malgraŭ nia klara lingvo la leganton devas atingi tremo pro io fremda; ritmo kaj stranga muziko per vortoj ekflamas nian animon. „Kies ajn edzino nun unua venos, ni ŝin mole premu, ĵetu en la fajron“ estas unu el la suproj el la balado de „Masonisto Kelemen“, kie ni dum la tuta poemo ŝvebas inter korpremo kaj terurtremo. Serĉu alian paĝon kaj legu la simplajn liniojn: Kiel rajdanton solan nokto, / jen min atingas la dolor'. / Larmsonoriloj etaj tintas, el mia koro venas infanplor'. / Post paĉjo kurus mi. Mi iris / tra l' urb' en lia akompan', / kaj dum mi gapis ĉe l' butikoj, / el lia man', ve, glitis mia man'. (Ernö Szep.) For ĉiu perforto, preskaŭ ĉiu energio, sed restas la mistika sento. Kaj unu el la plej grandaj poetoj hungaraj, Petöfi: Malĝojo? Ocean' giganta, / kaj ĝojo? / Perleto en ĝi. Mi, superimportanta, / ĝin eble rompos dum la vojo.

Tre valora helpo al pli profunda kompreno de la unuopaj poemoj kaj noveloj estas la „studo pri la hungara literaturo“ de Mihaly Babits kaj la enkondukaj klarigoj antaŭ ĉiu poeto. Kune kun la provoj de la poeto ili reprezentas vere interesan literaturhistorion, ĉar neniu linio estas senviva scio. Kio nur laŭ historia vidpunkto povas postuli intereson, tion ni ne trovas inter ĉirkaŭ 140 poemoj kaj 30 prozaĵoj. Pro tio la redaktanto rezignis pri ĉiu prozo antaŭ Mor Jokai (1825—1904).

La ekstera aranĝo de la libro estas modela laŭ preso, bildoj kaj papero. Post antaŭparolo sekvas enkonduko en la hungara literaturo. Vortklarigoj, notoj, bibliografio de la hungara literaturo en Esperanto helpas al kiel eble bona kaj plena kompreno. R. W.

D-ro Briquet, Esperanta Teknika Medicina Vortaro. Eldonita de Internacia Medicina Revuo, 255, avenue du Longchamp, Bruxelles, Belgujo, 1932. 359 paĝoj. Prezo: bindita 2 dolarojn.

Tiu eldonaĵo reprezentas la komencon de grava scienca verko. Ĝi enhavas 3675 vortojn kun multaj derivaĵoj. La aŭtoro alvokas al kunlaborado, precipe per kelkaj „konsiloj al la korektontoj“. Estas dezirinde, ke multaj laborrondoj esperantistaj okupas sin per tiu libro, kaj sisteme helpas al la plibonigo. La aranĝo de tiu verko bezonas laŭ nemedicinfakula opinio jenajn ŝanĝojn: 1. Esperanto-radiko (326: ne „arom-a“, sed „aromo“), 2. sekvu tradukoj de la neologismoj en la grekan, latinan kaj ĉefajn kulturlingvojn eŭropajn (nenecesaj ili estas por vortoj, kiuj jam troviĝas en la Plena Vortaro, ekz. 324 arko, 426 betulo, 2110 maro, 2389 okazo k. m. a.), 3. post tio la vortoj ordifitaj laŭ la fako kaj kun

derivaĵoj kaj kunmetaĵoj. Klarigoj en Esperanto multkaze estas ankoraŭ necesaj, ne sufiĉas traduko latina, ekz. 421 bifida, 454 boldo, 456 bolo, 459 borago (komparu al tiu vorto la Plenan Vortaron!) k. a. . . . La klarigo „Botaniko" ofte bezonas la aldonon „Farmacio". Papero kaj preso estas laŭdindaj, ili honoras la higieniston! R. W.

BES-a adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj aperis en la 10-a eldono (1932). Tiu bona helpilo havas 80 + 20 paĝojn da teksto kaj 8 paĝojn da fotografaĵoj, ĝi kostas 1 sv. fr.

Qué es el Esperanto? (Kio estas Esperanto?) Eldonis en 12 000 ekz. Hispana Esperantista Asocio. Hispanlingve 16+32 paĝoj.

La 28-an de Februaro 1933 mortis nia kolegino

**F-ino C. M. E. Morton**

**en Huddersfield, Yorkshire, Anglujo**

Pro grava malsano jam dum la pasinta jaro ŝi devis forlasi sian oficon. Dum jaroj ŝi estis nia reprezentantino por TAGE kaj IPR. Diligente ŝi laboris por nia movado, ĝis malsano devigis ŝin, fordoni la oficon. Ni ŝuldas al ŝi grandan dankon. Ŝi restos en nia memoro.

Laborkomitato por TAGE kaj IPR.
Kurt Hofmann, adm.

# FELIETONA PARTO

## El la instruejo.

Se mi devus titoli ĉi tiun rakonton, mi skribus: Naturamanto; eble: Naturisto; eĉ: Naturadoranto. Sed „naturamanto" sendube li estis, la juna instruisto. Per helbrilaj koloroj li parolpentris la gloron de l' Kreitaĵo, arde rezonis pri la vivo de ĝiaj estaĵoj. Ofte, li kun siaj lernantoj, ekskursis dum liberaj horoj por veki la dormantan intereson per faktoj, montriĝantaj sur kampo kaj vojo. Ke multaj geknaboj laŭŝajne pli ŝatis petoladon kaj ludadon sub la vasta ĉielo, kaj nur malmulte atentis la ŝvitantan instruadiston, tion la juna pedagogo verŝajne ne sufiĉe rimarkis. — Sed, kiu el vi, jam griziĝantaj spertuloj, mallaŭdos tian modelan laboron de tiu fervora kolego. Mi ja diris, ke li estis juna!

Kiam la bruanta aro hejmenvenis, la gvidanto pene zorgis pri lokado de ĉiu trovaĵo en konvena ujo. La klasĉambro daŭre ekspoziciis kiel muzeo. Sur ĉiu ŝranko, tabulo aŭ breto „floradis" la vivo. Ĉiu elstaranta parto de muro aŭ meblaro portis ian vitraĵon kun floroj aŭ bestoj. La vero tamen ordonas konfesi, ke la profesoro havis multajn zorgojn, por ke ĉio marŝos laŭ-

dezire. Kiom da penadoj jam, antaŭ ol haviĝi al si la ujojn, kiuj nun ornamis la simplan instruejon. Ĉiuj, instruisto kaj gelernantoj, en harmonia kunlaboro, kolektis tre variajn akvujojn. Iu difekto eĉ tute ne gravis.

Ofte la samklasanoj ekskursis proprainiciative. Kiu povos koleri pro ili, se tiuj vagadoj foje alportis iom da malprofito al iu kamparana posedaĵo. Kompreneble, tio okazis senintence, kaj estis kaŭzata nur per granda entuziasmo kaj fervoro.

Sinjoro ĉiam estis ravita pri ĉiu nova trovitaĵo, kaj la plej valora rekompenco por ia malkovro estis, se iu insekto aŭ planto trovis loĝejon en la granda akvario, kiu en plena beleco radiis antaŭ la fenestro.

Sed, iom post iom, la klasejo tute pleniĝis; ĉiaj oportunaĵoj jam estis ekspluatitaj. Iu inteligenta knabo alportis la ideon pri birdkaĝo; oni povis facile lokigi ĝin; ĝi pendos kaj ja tute ne bezonas lokon. Malgraŭ la profunda vereco, kiun la invento enhavis, ĝi tamen ne realiĝis. Ne, ĉar la instruisto malŝate rifuzis tiun geniaĵon, sed io nova postulis ĉies atenton.

Antaŭ kelkaj tagoj la instruisto ricevis donace de samideana amiko kelkajn blankajn musojn. Tio alportis al li multe da ĝojo kaj iom mildigis la akran solecon de lia fraŭla ĉambro. La bestetoj jam tute alkutimiĝis al li, sed, malfeliĉe la dommastrino, kiu manĝigis la dresiston, kaŭze de sufiĉe granda parto de lia modesta salajro, iun tagon abrupte finis la historion. En la komenco ŝi ĉiam strabe rigardis la musloĝejon, provis singarde la fortikecon de ĝi, kiam sinjoro forestis, sed kvankam ŝi sufiĉe klare esprimis sian malfavoran opinion rilate al tiuj gastoj, ŝi poste kvazaŭ senrimarke toleris la strangan societon. Sed, nun, kiam ŝi hazarde vidis, ke la pensionulo liberigis unu el la musaĉoj kaj prenis ĝin en la manon, ŝi plentime forkuris. La rezulto de tio estis, ke ŝi decidege malpermesis tiujn cirkajn spektaklojn, spite de varmaj pledoj kaj asertoj pri sendanĝereco. Fino, fino ! !

La roduloj estis transportataj al la lernejo kaj vekis tie grandan entuziasmon. Ĉiuj konkuris pri la zorgado, eĉ tiel, ke la instruisto devis interveni por savi la zorgatojn el minacanta ruiniĝo. La tempo pliboniĝis la situacion. Post kelkaj tagoj la musejo trankvile okupis la honoran lokon kaj formis valoran objekton inter la aliaj trezoroj. Ankaŭ la musejanoj nun povis ĝoji pri tio, kaj dum tiu trankvila ekzistado la familio ege bonfartis. Vi jam komprenas: nelonge poste, la ejo apenaŭ povis enhavi la ĉiam pligrandiĝantan societon, kaj baldaŭ la tempo alvenis, ke parto de la loĝantoj nepre devis elmigri pro tro densa loĝateco. Kaj, ĉu la solvo por tiu ekspansio ne estis tute memkomprenebla? Vi juĝu: ĉiu infano el la klaso ricevis laŭplaĉe unu aŭ du ekzemplerojn, por ke ankaŭ hejme estu aplikata la zorgado por la estaĵoj de l' kreitaĵo. Simpla, tiu solvo, sed efika; nur du restis en la instruista bredejo.

Kaj sciiĝu nun pri la sendankeco de iuj gepatroj. Jam la postan tagon la ekscititaj rakontoj de la lernantaro preskaŭ malebligis komencon de la lecionoj. Precipe la patrinoj laŭŝajne tute ne ŝatis tiun ekzercadon pri bestoflegado. Ardaj disputoj inter gefamilianoj eĉ rezultis el tiu ina fenomeno, kaj la musetoj ne ĉie sendifekte travivis tiun epizodon. La instruisto ekkomprenis, ke verŝajne la nombro de liaj amikoj en la vilaĝo per tiu malavara disdonado ne kreskos. Sed — for el la manoj — for el kalkulo! —

Vespere, li sidis studanta ĉe tablo; la kapo plena je aliaj zorgoj ol tiuj pri musidoj. Subite, laŭta sonorigado aŭdiĝis ĉe la dompordo, kaj iom poste la mastrino anoncis iun patron, kiu petis paroli la sinjoron. Tuj, dum la eniro,

ties mieno ne antaŭdiris al la instruisto iun ŝercan interbabiladon. El la multaj rapidantaj vortoj, kiuj fluis akvofale de inter la patraj lipoj, li komprenis la tutan tragedion. Kaj sufiĉe grava ĝi estis! La du musetoj, donacitaj al Joĉjo, transloĝiĝis en vasta botelo sur la ŝranko en la familia ĉambro, kaj estis tie konstanta allogo por la virkato, kiu tute ne povis kompreni, ke ĝi tiun kaptaĵon devas indulgi. Dum momento, kiam ĝi sufiĉe zorge estis kalkulinta la ŝancon, ĝi saltis, renversis la ujon kaj tuj formanĝis unu el la blankuloj. La alia forsaviĝis sub la forno kaj minacis el tiu rifuĝejo la trankvilon de la familia patrino. La patro kuraĝe ekĉasis, sed ĝis nun la „besto“ ne retroviĝis kaj do daŭre danĝerigis la restadon en la ĉambro. La plej granda skandalo tamen estis, ke la virkato tute malatentis la porcelanajn vazojn, kiuj staris flanke de la musejo, kun la sekvo, ke tiuj du „multekostaj“ ornamaĵoj dispeciĝis. Singarde, la instruisto informiĝis ĉe la ĉiam pli koleriĝanta patro pri la financa domaĝo de tiu virkata malzorgemo, promesis, ke li estonte ne plu instruos tiel perobjekte, kaj ĝeme pli mildigis la situacion per la resto de sia monata salajro.

La postajn tagojn montriĝis al li, ke multaj samvilaĝanoj ne ĝisfunde aprobis lian modernan koncepton pri instruo kaj pedagogio. Eĉ malicaj rigardoj trafis lin, kiam li promenadis tra la vilaĝo. Sed feliĉe, la nigraj nuboj, unu post alia forbloviĝis kaj la ĉielo sereniĝis. Jes, sed nur ŝajne! En kaŝita angulo postrestis ia nigraĵo, kiu facile povos pligrandiĝi, minacante neatendite la kvazaŭan trankvilon.

La musoj de Karlo ankoraŭ vivis kaj estis flegataj per ĉiuj zorgoj! La gepatroj toleris tiun filan plezuron; la knabeto estis malforta, multfoje malsana kaj restis ofte endome, kiam la kamaradoj ludis ekstere. Dum tiuj horoj la musoj estis liaj kunludantoj. Sed nun, Karlo jam estis kelkajn tagojn en sanatorio por plibonigi sian subtilan sanon. Liaj lastaj adiaŭoj al la gepatroj ankaŭ admonis pri la zorgado de liaj bestoj, kaj la unua bildkarto, kiun li skribis, ripetis la peton pri bona flegado.

Iun matenon la instruisto en trankvila animstato okupis sin per siaj disĉiploj. Subite, sen ia anonca frapado, la klaspordo larĝe malfermiĝis kaj la patro de Karlo vidiĝis sin, kriante malespere: „Ho, sinjoro, helpu al ni; estas terure!“ Ĉiuj rigardis la ekscititan viron kaj aŭskultis la draman rakonton pri la „lastaj el la musoj“: La patro de Karlo ĉi tiun matenon laboris kiel ĉiutage sur la kampo, kiam najbarino alrapidegis preskaŭ senspire. Ŝia malfacila balbutado, substrekita per fortaj gestoj, komprenigis al li, kio okazis hejme. La patrino prizorgis la musejon kaj lasis ĝin dummomente negardata. Reveninte en la ĉambron, ŝi vidis, ke la kato jus kaptis la duan museton; nur la blanka vosteto iom moviĝis, kvazaŭ por adiaŭi. Tiu terurega vidaĵo efikis, ke la virino kun laŭta angorkrio falis teren. Sveninta ! ! Kiam la patro kun prizorgis ŝin. Ŝiaj nervoj tute malordiĝis kaj bezonis plenan ripozon.

Ŝi daŭre plendis pri sia kompatinda Karĉjo, ĝis kiam la patro energie decidis, kion fari. Li tuj rapidis al la lernejo kaj petegis doni al li ankoraŭ du musojn. Li eĉ proponis sufiĉan pagon, sed la instruisto jam ne plu atendis unu vorton, paŝegis al la angulo, kie vivadis la prapatroj de la formortinta kolonio kaj, kvankam tiuj du estis la plej-plej-lastaj, li laŭŝajne sen granda doloro transloĝigis ilin. — Tamen post tiu tempo okazis, ke li en siaj sonĝoj vidis blankajn musojn, multajn, multegajn, kiuj per siaj akraj dentoj minacas lin.

P. Korte.